28-a JARO MARTO - DECEMBRO - 34 3-12 (272-282)

# Brazila Esperantisto

OFICIALA ORGANO DE

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

**Societo de publika utileco, laŭ registara dekreto N. 4356, 26 Oktobro 1921**

**Respondeca redaktoro (redactor principal) s-ro Carlos Domingues**

REDAKCIO — Av. Marechal Floriano, 212

Sidejo de la Geografia Societo

RIO DE JANEIRO — BRAZILO




Parta vidajo de urbo Santos (Ŝtato S. Paŭlo)

## BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

(Liga Esperantista Brasileira)

*Societo de publika utileco, laŭ registara dekreto N. 4.356, 26 Oktobro 1921*

*Estraro de B. L. E.*

*Honora prez.* — D-ro Everardo Backheuser
*Hon. vic-prez.* — D-ro Venancio da Silva
*Prezidanto* — Inĝ. A. Couto Fernandes
*Vicprezidanto* — D-ro Carlos Domingues
*Generala sek.* — D-ro L. Porto Carreiro Neto
1.ª *sek.* — S-ro Guilherme Azambuja Neves
2.ª *sek.* — F-ino Irani Baggi de Araujo
*Kasisto* — S-ro E. Felix Tribouillet

GRUPOJ ALIĜINTAJ

1. BRAZILA KLUBO "ESPERANTO". (1906) Sidejo: *Av. Marechal Floriano, n.° 212. Rio de Janeiro.*
2. VIRINA KLUBO, (1912). Sidejo: *Av. Marechal Floriano,* n.° 212. *Rio de Janeiro.*
3. ESPERANTISTA RONDETO "VERDA STELO". (1919). *São Bonifacio. Correio de Terezópolis, Sta. Catarina.*
4. SUD-BRAZILA ESPERANTISTIGILO". (1927). Sidejo: *Rua dos Andradas, n.°* 1431. *Porto Alegre. Rio Grande do Sul.*
5. JUNULARA ESPERANTISTA SOCIETO. (1930). Sidejo: *Rua Grão Mogol,* 197. *B. Horizonte, Minas Gerais.*
6. CENTRO ESPERANTISTA DE PARANÁ. (1931). Sidejo: *Avenida João Gualberto,* 726. *Curitiba. Paraná.*
7. LIVRAMENTO ESPERANTO-GRUPO. (1933). Sidejo: *Livramento. Rio G. do Sul.* Caixa postal 58.
8. CENTRO ESPERANTISTA DE SANTOS. (1932). Sidejo: *Rua D. Pedro II,* 33. *Santos. S. Paŭlo.*
9. POPULARA ESPERANTO-GRUPO. (1933). Sidejo: *Av. Celso Garcia,* 506. *S. Paŭlo. S. Paŭlo.*

———

CURSOS POR CORRESPONDÊNCIA
PEÇAM INFORMAÇÕES



## PEQUENA LISTA DE LIVROS DIDÁTICOS

| | |
|---|---|
| Gramatica Elementar de Esperanto, de A. C. Fernandes e H. Mota Mendes | 2$000 |
| Esperanta Radikaro kun Portugala Traduko (Vocabulário Esperanto-Português) | 2$000 |
| Exercicios adaptados á Gramática Elementar | 1$000 |
| Guia de Conversação — de T. Leite. | 3$000 |
| Amo per Proverboj (Amor por anexins), de Artur Azevedo | 2$000 |
| Gajaj Horoj por Esperantistoj — de C. Walter | 4$000 |
| Gajaj Vesperoj por Esperantistoj — de C. Walter | 6$000 |
| Esperantistigilo — Curso prático — de Benson | 20$000 |
| Universala Esperanto-Metodo, de Benson, com 11.000 ilustrações e 560 pag. | 60$000 |
| Robinson Kruso | 1$000 |
| Curso de Esperanto — de Saldanha Carreira e Luzo Bemaldo | 7$000 |
| Gaja Lernolibro de Esperanto — de C. Walter | 12$000 |
| Esperanto-insignoj | 3$000 |

Queira remeter mais 10% para as despesas com o correio.

# BRAZILA ESPERANTISTO

★

OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

28 - a Jaro — Respondeca redaktoro — S-ro CARLOS DOMINGUES — Numero 3 - 12 (272 - 282)

| | | |
|---|---|---|
| Aliĝo al B.L.E. 10$000<br>Eksterlande Sv. fr. 4 | Marto - Decembro 1934 | REDAKCIO — Rua Marechal Floriano, 212<br>RIO DE JANEIRO — BRAZILO |

## ESPERANTO EN LA POŜTO




Kliŝo de la unue aperinta *oficiala* reklamstampo kun vortoj en Esperanto.

Kun la ĉeesto de la reprezentanto de d-ro José Americo de Almeida, Ministro de Publikaj Laboroj, d-ro Fernando Brandão, de d-ro A. Junqueira Aires, Ĝenerala Direktoro de la Departemento de Poŝto kaj Telegrafo, de diversaj direktoroj, ĉefoj kaj oficistoj de tiu departemento kaj de multaj aliaj personoj, faris paroladon pri "Esperanto en la Poŝto kaj Telegrafo" s-ro inĝ. A. Couto Fernandes, prezidanto de B. L. E.

Tiu ĉi parolado estis la kvina de la serio organizita de d-ro A. Junqueira Aires pri teknikaj aferoj, kies sekretario subskribis la invitojn faritajn. Ĝi okazis ĉe la honorhalo de Asocio de Komercoficistoj.

S-ro A. Couto Fernandes montris al la ĉeestantaro diversajn propagandilojn kaj la kolekton de la ĵurnaloj, revuoj kaj korespondaĵoj parolintaj pri la oficialaj poŝtkartoj kun tekstoj en la portugala lingvo kaj en Esperanto.

Fininte la paroladon s-ro Couto Fernandes ricevis gratulojn de preskaŭ ĉiuj ĉeestantoj.

S-ro Tavares de Macedo, regiona direktoro en Rio de Janeiro, al kiu ni ŝuldas la realigon de la eldono de la poŝtkartoj kun tekstoj en Esperanto, farigis reklamstampilon kun la vortoj: "Rio de Janeiro. Cidade de Turismo. Rio de Janeiro — Turisma Urbo".

Sendante al li kopion de la listo kun la nomoj de 38 landoj, el kiuj venis petoj pri la ilustritaj poŝtkartoj, kaj la nombroj de la kartoj senditaj, de la ĵurnaloj kaj revuoj ricevitaj kaj de la respektivaj korespondaĵoj, B. L. E. redankis lin pro la valora helpo, kiun li donis al la propagando de Esperanto. S-ro Macedo respondis la leteron, per kiu li elmontris sian entuziasmon pri la bela kreitaĵo de Zamenhof.

Brazila Ligo Esperantista kolektis multajn el la pli ol 200 gazetoj kaj revuoj, kiujn ĝi ricevis, kun sciigo pri la oficialaj poŝtkartoj de Brazilo kun klarigaj tekstoj en la portugala lingvo kaj en Esperanto kaj faris el ili impresan bildon longan je tri metroj kaj altan je du metroj. Tiun ĉi bildon la Poŝta kaj Telegrafo Departemento ekspoziciis en sia stando ĉe la Internacia Specimena Foiro.




Kliŝo de unu el la stampoj uzitaj de la poŝtagentejo ĉe la foiro.

Grandan impreson faris al la vizitantoj de la Foiro la elmontro de tiu bildo, kiun la Departemento de Poŝto kaj Telegrafo enmetis en belan lignan kadron.

Laŭ ordono de s-ro Tavares de Macedo, la foira poŝtagentejo uzis du stampilojn kun vortoj en Esperanto, kies fotografaĵojn ni publikigas en tiu ĉi numero.

Estas nia devo elmontri nian dankon al s-ro Grey Tavares, ĉefo de tiu agentejo, kiu helpis nin en la propagando de Esperanto·

Ĉar eksiĝis d-ro Junqueira Ayres, ĝenerala direktoro de la Departemente de Poŝto kaj Telegrafo, kiu estis simpatia al Esperanto, s-roj A· Couto Fernandes kaj Agenor de Miranda vizitis la novan direktoron, d-ron Leonidas Siqueira de Menezes, filon de la mortinta generalo Siqueira de Menezes, kiu estis honora prezidanto de la 5ª Brazila Kongreso de Esperanto. D-ro Leonidas de Menezes, al kiu s-ro Couto Fernandes montris la kolektojn de la korespondaĵoj kaj ĵurnaloj parolintaj pri la poŝtkartoj eldonitaj de la Poŝto, diris ke li ankaŭ lernis Esperanton dum sia infaneco kaj intencas eldoni aliajn poŝtkartojn sur pli bona kartono.

---

La multlegata ilustrita revuo "O Malho", kies administranto estas s-ro Oswaldo Sousa e Silva, publikigis belegan dupaĝan propagandilon sub la titolo "La venkoj de Esperanto". Ĝi konsistas el artikolo verkita de nia malnova samideano s-ro Eustorgio Wanderley kaj kliŝoj el la oficialaj poŝtkartoj el Danzig, Liechtenstein, Hungarujo kaj Brazilo, propagandmarko de la Lyon'a Foiro kaj poŝtkarto kun vidaĵo el la Pariza Nordstacidomo.

## LA BRAZILA REGISTARO KAJ ESPERANTO

D-ro Getulio Vargas, prezidanto de la Respubliko, per dekreto de 1 Aŭgusto, elektis d-ron Temistocles da Graça Aranha, unuan sekretarion de la ambasadorejo en Stockholm, por reprezenti Brazilon ĉe la 26ª Universala Kongreso de Esperanto.

Pere de la Ministerio de Edukado Brazila Ligo Esperantista ricevis dum la jaro 1934 subvencion de Rs. 1.000.000 (ĉirkaŭ 200 sv. frankoj).

La prezidanto de B. L. E. faris al d-ro Getulio Vargas dankan viziton.

---

## FILATELIO KAJ ESPERANTO

La Unua Brazila Filatelia Kongreso, ĵus okazinta en Rio de Janeiro, aprobis, laŭ propono de s-ro Benjamin Camozato, direktoro de la filatelia revuo "Rio Grande Filatélico", deziresprimon por ke la filateliaj societoj rekomendu al siaj anoj la lernadon de la helplingvo Esperanto.

Dum la diskutado s-ro Tavares de Macedo, regiona direktoro de la Poŝta kaj Telegrafa Departemento, sciigis al la ĉeestantaro pri la eldonoj de du serioj de ilustritaj poŝtkartoj kun klarigaj tekstoj en portugala lingvo kaj en Esperanto.

S-ro B. Camozato publikigis raporton pri la kongreso, kiun li prezentis al la Filatelia Societo de Rio Grande Sul. En ĝi li parolas pri tagmanĝo al li dediĉita de la estraro de B. L. E. kaj publikigis fotografaĵon de la

stampo uzita de la poŝtagentejo ĉe la Internacia Specimena Foiro.

La lasta numero de "Rio Grande Filatélico" publikigis tiun raporton kaj kliŝon de unu el la ilustritaj poŝtkartoj de la unua serio eldonita de la Poŝto.

"Diario de Noticias", el Porto Alegre, publikigis intervjuon kun s-ro B. Camozato pri liaj laboroj ĉe la Filatelia Kongreso, kies prezidanto estis Monsinjoro Luiz Gonzaga do Carmo, tre simpatia al Esperanto.




INTERNACIA SPECIMENA FOIRO DE RIO DE JANEIRO

De 12 Aŭgusto ĝis 15 Novembro de la nuna jaro okazis en Rio de Janeiro belega internacia specimena foiro organizita de ĝia komunumo, laŭ eŭropaj metodoj. Ĝia administrantaro publikigis belegan prospekton kun teksto en ses naciaj lingvoj kaj ankaŭ en Esperanto. Ĝi konsistas el faldfolio (44 cm. alta kaj 64 cm. larĝa) kun ĝenerala plano de la foiro, 36 zorge elektitaj bildoj el la ĉefurbo kaj multkolore gaja kovrilo.

Laŭ indiko de la estraro de B. L. E., la sekretario de la foiro dissendis kelkajn milojn de tiu prospekto al la ĉefaj internaciaj kaj naciaj esperantistaj asocioj kaj ĵurnaloj kaj al multaj delegitoj de U.E.A. Multaj petoj pri la prospekto venintaj el ĉiuj partoj de l' mondo alvenis al la foira sekretariejo kaj al B. L. E.

La direktoro de la foiro, d-ro Alfredo Pessoa, entuziasmiĝis pri Esperanto kaj komencis ĝian lernadon.

Okaze de la 23a kunveno de la Konsultiĝa Konsilantaro de la Internacia Specimena Foiro de Urbo Rio de Janeiro, s-ro Laercio Prazeres, kiu ĝin prezidis, diris la jenajn laŭdajn vortojn pri la propagando de la Foiro pere de Esperanto:

"Mi sciigas vin ke estas intensa la propagando de la Foiro, kiun faras ĝia administrantaro interne kaj ekstere, kaj atentigas vin speciale pri la bonegaj rezultatoj rikoltitaj pere de la prospekto kun teksto en Esperanto. Plezure mi konstatis la intereson vekiĝintan de la esperantistaj medioj en la tuta mondo kaj la valoran kunhelpadon de la esperantistaj societoj, kiuj tradukis en siajn patrajn lingvojn resumon de tiu prospekto kun aldono de laŭdaj referencoj al nia urbo".

Ni denove dankas s-rojn Rogerio Pongetti kaj Ruy de Castro pro iliaj helpoj por la eldonado de la foira prospekto kun teksto en Esperanto.

## ZAMENHOFA TAGO

Je la 15a de Decembro lasta okazis la 75a datreveno de la naskiĝo de Lazaro Ludoviko Zamenhof, la genia kreinto de Esperanto. Tiu memoriga tago estas festita en la tuta mondo. Ankaŭ en Brazilo tio okazis. En Rio de Janeiro la anoj de B.L.E. kaj B.K.E. efektivigis solenan kunvenon, dum kiu parolis diversaj esperantistoj. D-ro Porto Carreiro, ĝenerala sekretario de la Ligo kaj prezidanto de la klubo, finis sian paroladeton per la jenaj vortoj: "En la nuna momento, kiam oni diskutas pri la kandidatoj al la premio Nobel por la Paco, mi devas diri ke, se ankoraŭ vivus la modesta geniulo naskiĝinta en malgranda vilaĝo de Polujo, certe neniu pli ol li meritus ricevi tiun premion. Nur tiuj, kiuj konas la ligilojn de spontanea amikeco, kiuj formiĝas ĉe la esperantistaj konoj, povas taksi precize kiel meritita estus tiu alta premio, se ĝi estus donita al tiu glora amiko kaj bonfarinto de la homaro".

Ankaŭ en S. Paŭlo la lokaj esperantistoj festis tiun memorindan daton.

## NOVA ESTRARO DE UEA

Ozake de la 26-a Universala Kongreso en Stockholm, la Komitato de UEA elektis la jenan novan estraron;

Prezidanto: S-ro generalo Bastien; Vic-

prezidanto: S-ro inĝ. Insbrücker; Membroj: S-roj Prof. Kamaryt, Malmegren, inĝ. D-ro Orengo, reg. kons. Steiner kaj D-ro Vogt.

S-ro Stettler restos Honora Prezidanto de UEA.

---

Estas elektita komitatano por Brazilo s-ro d-ro Carlos Domingues.

La nuna ĉefdeligito de U. E. A. en la brazila teritorio estas s-ro d-ro Luiz Porto Carreiro Neto.

## LINGVA KOMITATO

Jen estas la nova estraro de la Lingva Komitato:

Prezidanto: *S-ro Rollet de l' Isle;* vicprezidantoj: *Prof. Nylén* kaj *Migliorini*; direktoro de la Sekcio "Komuna Vortaro": *Gen. Bastien;* direktoro de la sekcio "Gramatiko": *d-ro Lippmann;* direktoro de la sekcio "Teknikaj Vortaroj": *d-ro Orengo* kaj direktoro de la Sekcio "Kontrolo": s-ro *Rollet de l' Isle.*

La nunaj brazilaj lingvokomitatanoj estas la jenaj: d-ro Everardo Backheuser, kiu estas ankaŭ akademia korespondanto por la portugala lingvo, d-ro Carlos Domingues kaj d-ro Luiz Porto Carreiro Neto.

## GRAVA PROPAGANDO

S-ro Ismael Gomes Braga, delegito de U. E. A. por komerco en Rio de Janeiro kaj malnova ano de B. L. E., sendis dum la monato Marto al 250 enlandaj ĵurnaloj cirkuleron kun la peto ke ili malfermu kurson de Esperanto. Ĝin akompanis al li mem adresita poŝtkarto por la respondo. Li ricevis konsentan respondon de la direktoroj de ĉirkaŭ 100 ĵurnaloj. Multaj tuj komencis la publikigon de la kurso kaj kelkaj jam ĝin finis.

La 4an de Junio li sendis novan cirkuleron al 273 aliaj gazetoj. Kelke da ili akceptis lian proponon.

Estas notinde ke ĉiuj elspezoj, kiuj ne estas malgrandaj, estas de li mem faritaj.

Aliloke ni publikigas la nomojn de la gazetoj aperintaj tiun kurson.

Tiu propagando havis eĥon ankaŭ en *Insulo Madeira,* kie "Comercio de Funchal" aperigis la kurson.

Krom la kurso diversaj artikoloj por Esperanto de li verkitaj estas aperintaj lasttempe en "Oomoto Internacia" kaj en diversaj gazetoj, precipe espiritistaj.

Tiu revuo publikigis ankaŭ lian portreton. Dum la finiĝinta jaro s-ro Ismael faris kelkajn paroladojn kaj du kursojn pri Esperanto.

"Heroldo de Esperanto" kaj "Esperanto" publikigis artikolon de s-ro I. Braga titolitan 26280000 Esperanto-lecionoj por festi la 50-jaran jubileon".

Vera propagandisto!

## LAR ESPERANTO

ESPERANTO-HEJMO




Supre ni aperigas fotografaĵon de la nova domo de s-ro Ismael Gomes Braga.

Ĝi estas hejmo de vera esperantista familio. Lia edzino s-ino Maria Rolla Braga, estas esperantistino de multaj jaroj kaj ilia dek-unujara filo estas nomata Lauro Zamenhof Braga. Sur la muro de sia domo li skribis la jenajn vortojn: "LAR ESPERANTO" kaj pentrigis verdan stelon. Li esperas ke post sia morto tiuj vortoj restos kaj daŭrigos la propagandon de Esperanto.

# Vizito de D-ro E. Backheuser al Buenos Aires kaj Porto Alegre



Grupo de fervoraj esperantistoj

Okaze de sia vojaĝo al Buenos Aires d-ro Backheuser kaj lia edzino estas ĝentile akceptitaj de s-ro Eugenio Iglesias kaj d-ro Miguel Catalano, direktoroj de "Argentina Esperanto-Kolegio", kaj Villafranca, delegito de U. E. A. Laŭ letero de s-ro Iglesias la geedzoj Backheuser lasis en Buenos Aires la plej bonan impreson, kiun oni povas ricevi.

Pere de d-ro Catalano ili interrilatiĝis kun s-ro Franco, direktoro de la publika instruado, kaj akompanata de tiu-ĉi vizitis multe da lernejoj. S-ro Iglesias skribis ke post tiuj vizitoj s-ro Franco esperantiĝis. Bela akiro al nia movado!

Gesinjoroj Backheuser vizitis la sidejon de Argentina Esperanto-Asocio, kie oni efektivigis kunsidon je ilia honoro. Al sinjorino Backheuser la aninoj de la Asocio donacis bukedon da belaj floroj. Pere de d-ro Backheuser la ĉeestantoj sendis al B. L. E. koran saluton.

"Argentino Esperantisto", oficiala organo de "Argentina Esperanto-Asocio", publikigis la jenon: *"Vizito de d-ro Backheuser al nia sidejo*. Vere feliĉaj ni estis, akceptante ĉe ni, tiun malnovan brazilan samideanon. Entuziasma esperantisto ni ĝojis aŭskultante lian amindan kaj interesan konversacion. Tre simpatia kaj alloga persono, li kaptis nian atenton kaj estimon. Al li kaj al lia edzino ni deziras feliĉan estadon kaj baldaŭan revenon ĉe ni".

Trapasante la ĉefurbon Porto Alegre ili estas ĝentile akceptitaj de la estraro de "Sud- Brazila Esperantistigilo".

Ĉi supre ni publikigas fotografaĵon de d-ro Backheuser en kompanio de s-roj d-roj Benjamin Camozato kaj Viterbo de Carvalho kaj generalo Feliciano Domingues.

## RADIO KAJ ESPERANTO

Dum la lasta jaro "Radio Clube do Brasil" (P. R. A. 3) diversfoje disradiis notojn pri Esperanto kaj diskojn kun la himno "La Espero" kaj muzikoj kun kantoj en Esperanto. Ankaŭ ĝia oficiala organo, "Antenna", ape-

rigis multajn notojn pri tiu helplingvo kaj la portreton de s-ro A. Couto Fernandes.

La vicprezidanto de tiu klubo estas nia kunligano d-ro Agenor de Miranda.

Tiuj diskoj estas ankaŭ disradiitaj de la radiostacioj de "Radio Sociedade Mayrink Veiga" (P. R. A. 9) kaj "Sociedade Radio Educadora do Brasil (P. R. B. 7).

La konata verkisto s-ro Minotte del Pichia, prezidanto de "Radio Clube de S. Paulo (P. R. A. 5), metis je la dispono de la propagando de Esperanto kvin minutojn de ĝia ĉiutaga programo.

---

## AL LA KUNFRATIĜO

Ho, se mi povus esti flugilhava,
En blua spaco, ĝoja kaj libera,
For de l' mondo pekanta kaj mizera,
Kie mortas la hom' sub vivo sklava;

Se birdeto mi estus, senkarcera,
Sen jugo, sen katen', sen leĝo glava;
Kun verda kampo kaj kun greno flava,
Kun akvo freŝa de la flu' rivera;

Mi traflugus la kampon kaj l' arbaron,
Mi transflugus la monton kaj la maron,
Ĝis ne povus la kor' — pro senfortiĝo!

Sed forpasus la tagoj de doloro:
Jen leviĝus altar' en ĉiu koro
Al la sankta homara kunfratiĝo!

*Porto Carreiro Neto.*

---

## DICIONÁRIO PORTUGUÊS-ESPERANTO

Ao entrar para o prelo o presente número do "Brazila Esperantisto", já teve início a paginação do "Dicionário Português-Esperanto", de A. Couto Fernandes, Carlos Domingues e Pôrto Carreiro Neto, achando-se inteiramente terminado o trabalho de composição tipográfica.

Mais ou menos 500 páginas conterá essa obra, que poderá rivalizar com os melhores e mais completos dicionários de Esperanto existentes em outras línguas.

Registando aproximadamente 25.000 palavras do idioma português, o dicionário a aparecer será incomparavelmente mais rico do que os antecedentes publicados no Brasil ou em Portugal, e poderá satisfazer do modo mais perfeito as exigências dos tradutores.

Sentimos deveras que o aparecimento de um livro cercado de expectativa tão simpática, não só em nosso país, mas ainda por parte dos esperantistas portugueses, tenha sido retardado, conquanto por motivos de todo independentes da vontade dos autores e da Liga Esperantista Brasileira.

Razões de ordem técnica fizeram que fôsse preferida para a execução do trabalho a "Imprensa Nacional", que dispõe de máquinas de monotipia, as únicas capazes de empregar com perfeição vários tipos numa mesma linha, como convém a um dicionário.

Mas, por outro lado, a "Imprensa Nacional", como departamento do Estado, é forçada a dar preferência ás publicações oficiais, que ultimamente vem sendo excepcionalmente numerosas e de grande urgência.

Embora mais lentamente do que desejamos todos, — assinantes, autores, editores, esperantistas em geral —, prosseguem, entretanto, os trabalhos, e tudo leva a crêr que no mês de Junho próximo vindouro o "Dicionário Português-Esperanto, elegantemente cartonado, estará em mãos dos consulentes.

---

## BRAZILA KLUBO "ESPERANTO"

La 29-an de Junio okazis la ekposedo de la nova estraro de tiu malnova kaj laborema klubo. Ĝi konsistas el la jenaj klubanoj: Prez., d-ro Luiz Porto Carreiro Neto; vicprez, s-ro Arminio de Moraes; unua sek., f-ino Ester Bloomfield; dua sek., s-ro Nelson Dantas; unua kas., f-ino Irani Baggi de Araujo; dua kas., s-ro Carlos Borromeu da Costa Leite. Al la konsilantaro apartenas: s-roj generalo José Silveira Sobrinho, d-roj Agenor de Miranda, Alexandre Emilio Sommier, Carlos Domingues, Heitor Beltrão, João B. de Melo e Souza, Teobaldo Recife kaj Teófilo de Almeida kaj s-roj Guilherme Azambuja Neves kaj Ismael Gomes Braga.

---

### KVINA OFICIALA ALDONO AL UNIVERSALA VORTARO

*aviado* — aviação.
*bremso* — freio.
*bulteno* — boletim.
*fono* — fundo (de quadro, etc.).
*kabineto*. — gabinete.
*pilo* — pilha.
*plagiato* — plágio, plagiato.
*slipo* — ficha.

## 27-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

### 11-a SOMERA UNIVERSITATO. KONGRESA KROZADO

3-10-17 DE AŬGUSTO 1935

### UNUA OFICIALA KOMUNIKO

La 26-a Universala Kongreso de Esperanto en Stockholm unuanime kaj entuziasme akceptis la inviton de Itala Esperanto-Federacio okazigi la 17an en Roma en aŭgusto 1935. Sekve de tio, la Komitato de U.E.A. konfirmis la aprobon por la organizo de la 27a en Roma sub oficiala aŭspicio de U.E.A. mem. Kun profunda danko al la tutmondaj gesamideanoj, Itala Esperanto-Federacio jam vigle dediĉis sin al la organiza laboro.

1. *Patronado.* — Jam la potenca Asocio "Touring Club Italiano" bonvolis akcepti eniri la Patronadan Komitaton. Tiu granda Asocio estas jam simpatie konata inter la tutmondaj esperantistoj pro la belega traduko de la Gvidlibro *Milano kaj Lagoj de Lombardio.*

2. *Loka Kongresa Komitato.* — Tial ke, krom la ĉefaj Kongresarangôj en Roma, okazos ankaŭ aliaj gravaj Kongresarangôj en pluraj urboj, kaj la tuta organizo (Universala Kongreso-Somera Universitato-Kongresa Krozado al Afriko) havos nacian amplekson, la L.K.K. konsistos el la Direkta Komitato de Itala Esperanto-Federacio mem, plus aliaj membroj el la Nacia Komitato de Itala Esperanto-Federacio kaj el la ĉefa Kongresurbo, Roma.

3. *Organiza Oficejo.*—Estos Organiza Oficejo de la 27a: "Esperanto-Centro Itala", sidejo de I. E. F .kaj centro de la Itala Esperanto-movado.

Ĉiun korespondajon, dokumenton, kaj monsendon, koncernantan la Kongreson bonvolu adresi nur al:

*"Esperanto-Centro Itala".*

Galleria Vittorio Emanuele 92, Milano (Italujo).

Ne utile skribi al Roma pri Kongresaferoj.

Telegramadreso: "Esperanto", Galleria 92, Milano.

Poŝtĉeka Konto: Esperanto-Centro Itala, Milano, N. 3. 1815.

4. *Kotizoj.* — Baza kotizo por aliĝo: Liroj 100. —. Estas konsentitaj favorkotizoj por familianoj kaj junuloj, detale montritaj en la aliĝilo. Granda rabato por fruaj aliĝoj, maks. 30%.

## O 26.° CONGRESSO UNIVERSAL DE ESPERANTO

A abertura do 26° Congresso Universal de Esperanto foi um dos mais festivos inícios de quantos congressos tenha havido em Estocolmo, a cidade dos congressos por excelência. Esta abertura se realizou no magnífico Concert Hall, onde se reuniram mais de dous mil representantes de trinta diferentes paises. Viam-se alí veteranos do movimento ao lado de jovens de futuro. Notavam-se especialmente a filha e o neto do fundador do Esperanto com outros membros da família Zamenhof.

O Governador Geral de Estocolmo, sr. Nothin, deu as boas vindas aos hóspedes num Esperanto sonoro, pronunciando depois um discurso em suéco. Falou com entusiasmo sobre o ideal do Esperanto, acentuando os aspectos práticos desse idioma.

Uma parte muito apreciada do programa foram as saudações proferidas por congressistas representantes de trinta paises. A oração da senhorita Lídia Zamenhof foi muito aplaudida; e, quando o pequeno descendente de Zamenhof, com apenas dez anos de idade, apareceu por alguns momentos na tribuna, o entusiasmo empolgou a sala. A grande animação culminou, entretanto, quando se anunciou que o Secretário Geral do movimento Esperantista, dr. Edmond Privat, ia em Lausanne usar da palavra. O discurso do eminente secretário foi transmitido pelo rádio, sendo ouvido pelos congressistas maravilhados através de dous altos-falantes e aplaudido unanimemente. Foi encerrada a memorável festa com o hino "La Espero", cantado por todos os presentes.

O programa do dia, porém, ainda não estava terminado. A seguir reuniram-se os congressistas novamente no jardim de inverno do "Grand Hôtel". Aí o cantor Gunnar Bohman entreteve os hóspedes com as imortais canções do grande poeta Bellman; e ainda tiveram lugar outros divertimentos de caráter tipicamente sueco. Entre as celebridades presentes a essa reunião notavam-se o espanhol Loyola — da mesma família do santo Inácio — e o austríaco Steiner, Conselheiro de Estado, fundador do Museu de Esperanto em Schoenbrunn.

O congresso se reuniu de 4 a 11 de agosto. Durante esse tempo uma enorme variedade de diversões entretiveram os seus participantes. Atas e debates de caráter sério alternavam com excursões agradáveis. Uma noite a municipalidade de Estocolmo ofereceu um "garden-party" no luxuoso "Town-Hall"; outro dia fez-se uma excursão á elegante estação de banhos Saltsjoebaden. Uma parte do programa que foi muito apreciada, foi a representação, no Teatro Oskar, do drama de August Strindberg: "Brincando com fogo" e do de Molière: "O Casamento imposto", ambos em Esperanto. Foram tambem extraordinariamente concorridos a festa ao ar livre. no museu Skansen e o grande concêrto no "Concert Hall".

Em resumo, pode-se dizer que o 26.° Congresso Universal de Esperanto foi um brilhante successo e que os seus participantes sempre se lembrarão com prazer dos explêndidos dias estivais passados em 1934, na bela cidade de Estocolmo.

O Governo do Brasil fez-se representar no Congresso pelo Secretário da Legação do Brasil em Estocolmo, dr. Temistocles Graça Aranha, a Sociedade de Geografia do Rio de Janeiro pelo dr. John Lonegren, intérprete da Legação e fervoroso esperantista, e a Liga Esperantista Brasileira pelo sr. Hugo de Macedo, adido á mesma Legação.

Deste último recebeu a Liga um gentilissimo ofi-

cio, do qual transcrevemos o seguinte trecho: "A abertura do Congresso realizou-se no "Concert Hall" desta cidade com a presença de 3.000 congressistas.

Todo programa do Congresso foi realizado, reinando entre os milhares de esperantistas que nele tomaram parte a mais franca e espontânea cordialidade e elevado espírito de confraternidade."

# NEKROLOGO

## LEONO ZAMENHOF

Denove la terura morto forrabis el nia rondo alian fraton de la kreinto de Esperanto. Lia nomo estas Leono Zamenhof kaj li ankaŭ estis unu el la pioniroj de nia movado.

Al lia familio B. L. E. sendas sincerajn kondolencojn.

## MEDEIROS E ALBUQUERQUE

Mortis ankaŭ unu el la pioniroj de Esperanto en Brazilo, José Medeiros e Albuquerque, membro de la Brazila Literatura Akademio, fama ĵurnalisto, eksdeputito kaj eksdirektoro de la publika instruado en Rio de Janeiro. Li estis efektiva kaj poste honora prezidanto de "Brazila Klubo Esperanto". En 1896 li skribis en "Revista Brasileira" interesan artikolon pri Esperanto. En 1906, laŭ lia peto, d-ro Lauro Müller, tiama ministro de Publikaj Laboroj, konsideris Esperanton kiel klaran lingvon por la telegrafado en Brazilo.

Poste li faris kelkajn paroladojn okaze de la brazilaj kongresoj de Esperanto kaj skribis diversajn artikolojn pri Esperanto en brazilaj gazetoj kaj revuoj.

Paco al liaj cindroj!

## COELHO NETO

Malaperis el la tera vivo Henrique Coelho Neto, alnomata la princo de la brazilaj verkistoj. Li estis membro de la Brazila Literatura Akademio, federala deputito kaj direktoro de la Drama Lernejo. Li verkis pli ol 100 literaturajn verkojn. Preskaŭ de la komenco de la propagando de Esperanto en Brazilo li montris simpation al ĝi kaj partoprenis en esperantista verpermanĝo. Li estis la plej ŝatata el la brazilaj esperanto-tradukintoj.

Al lia familio B. L. E. sendis kondolencan telegramon.

## ABEL GOMES

Mortis en *Porto Santo Antonio*, ŝtato *Minas Gerais*, s-ro Abel Gomes, ano de B. L. E., onklo de nia fervora samideano s-ro Ismael Gomes Braga, kiu lin esperantigis. Instruisto dum sia juneco li estis fervora espiritisto, kompostisto, notinda verkisto kaj ŝtata poeto kaj super ĉio bonkorulo.

Al lia familio niajn kondolencojn!

## BRAZILAJ OFICIALAJ POŜTKARTOJ

*Unua serio*

| | LANDOJ | *Korespondaĵoj ricevitaj* | *Poŝtkartoj senditaj* | *Ĵurnaloj kaj revuoj ricevitaj* |
|---|---|---|---|---|
| 1 | Anglujo | 8 | 120 | 2 |
| 2 | Argentino | 2 | 20 | 17 |
| 3 | Aŭstralio | 2 | 20 | 1 |
| 4 | Aŭstrujo | 2 | 40 | 4 |
| 5 | Belgujo | 5 | 20 | 9 |
| 6 | Brazilo | 16 | 780 | 37 |
| 7 | Bulgarujo | 1 | 20 | 2 |
| 8 | Ĉeĥoslovakujo | 5 | 20 | 13 |
| 9 | Ĉilo | — | 20 | — |
| 10 | Ĉinujo | — | — | 1 |
| 11 | Danujo | 2 | 20 | 1 |
| 12 | Estonujo | 2 | 20 | — |
| 13 | Finlando | — | — | 1 |
| 14 | Francujo | 19 | 240 | 27 |
| 15 | Germanujo | 13 | 200 | 15 |
| 16 | Grekujo | — | — | 1 |
| 17 | Hispanujo | 2 | 20 | 2 |
| 18 | Hungarujo | 1 | 60 | 4 |
| 19 | Italujo | 1 | — | 2 |
| 20 | Japanujo | 30 | 440 | 3 |
| 21 | Javo | 1 | — | 1 |
| 22 | Jugoslavujo | — | — | 3 |
| 23 | Kanariaj Insuloj | 2 | — | 1 |
| 24 | Katalunujo | — | — | 2 |
| 25 | Latvujo | 1 | 20 | 3 |
| 26 | Malako | — | — | 1 |
| 27 | Meksikio | — | — | 1 |
| 28 | Nederlando | 11 | 60 | 16 |
| 29 | Novergujo | — | — | 1 |
| 30 | Polujo | — | 20 | 6 |
| 31 | Portugalujo | — | 20 | 3 |
| 32 | Rusujo | 2 | 20 | — |
| 33 | Svedujo | 4 | 120 | 5 |
| 34 | Svisujo | 17 | 440 | 12 |
| 35 | Teritorio de Saar | — | — | 1 |
| 36 | Tunizio | 1 | — | — |
| 37 | Urugvajo | 1 | 20 | 2 |
| 38 | Usono | 2 | — | 3 |
| | Diversaj landoj | — | 240 | — |
| | Sumo | 153 | 3.020 | 203 |

Rio de Janeiro, 31 Aŭgusto 1934.

## LA VOJO

Tra densa mallumo briletas la celo,
Al kiu kuraĝe ni iras.
Simile al stelo en nokta ĉielo,
Al ni la direkton ĝi diras.
Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
Nek batoj de l' sorto, nek mokoj de l' homoj,
Ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita
Ĝi estas, la voj' elektita.

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
L'espero, l' obstino kaj la pacienco —
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

Ni semas kaj semas, neniam laciĝas,
Pri l' tempoj estontaj pensante.
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas,
Ni semas kaj semas konstante.
"Ho, ĉesu!" mokante la homoj admonas,
"Ne ĉesu, ne ĉesu!" en kor' al ni sonas:
"Obstine antaŭen! La nepoj vin benos,
Se vi pacience eltenos".

Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
Velkantajn foliojn deŝiras,
Ni dankas la venton, kaj, repurigitaj,
Ni forton pli freŝan akiras.
Ne mortos jam nia bravega anaro,
Ĝin jam ne timigos la vento, nek staro,
Obstine ĝi paŝas, provita, hardita,
Al cel' unu fojon signita!

L. L. ZAMENHOF.

## LA MISVOKO

*Himno de la pesimistoj*

Post densa mallumo ekzistas abismo,
Al kiu la lingvo rapidas;
Ni semas malfidon per simpla sofismo,
Kaj certan disfalon ni vidas.
Kaj nin ne konvinkos eĉ pruvoj po miloj,
Aŭ klaraj rezonoj, aŭ bonaj konsiloj,
Ĉar ĉiel malhelpi jam de la komenco
Ni celas kun firma intenco.

Nur fuŝa, malbela, sen ia sukceso,
Ni vidas nepropran laboron.
Eĉ guto acida, falante sen ĉeso,
Doloras plej gajan la koron.
La moko, la rido, la indiferento,
Jen estas la iloj, en ĉiu momento,
Per kiuj ni provas, verŝante sarkasmon,
Velkigi la entuziasmon.

Ni plendas kaj plendas, neniam laciĝas,
Pri l' tempoj pasintaj pensante;
Cent horoj perdiĝas, mil horoj perdiĝas,
Ni plendas kaj plendas konstante.
"Laboru kaj fidu!" la homoj nin petas,
"Neniam!" en ĥoro ni krie ripetas,
Obstine gruntante — neniu nin dankos,
Sed tamen la plendoj ne mankos.

Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
Velkintajn foliojn disĵetas,
Ni helpos la venton, kaj, refortigitaj,
Ni plenan disfalon profetas.
Eĉ kiam la krizo jam estas pasinta,
Kaj fido en koron denove veninta,
Obstine ni tedas per malpropagando
La homojn tra tuta la lando.

FERNANDO REDONDO
(el *Hispana Esperanto-Gazeto*)

---

*"La Lyon'a Foiro jus eldonis novan afiŝon.* Nia gazeto ricevis ekzempleron de la nova esperantlingva afiŝo de la Lyon'a Foiro. Ĝi estas trikolora kaj mezuras 60 cm. x 1 m. Post kelkaj tagoj la Lyon'a Foiro eldonos ankaŭ novajn tripaĝajn artajn prospektojn en esperanto. Por senpage ricevi la afiŝon kaj la prospekton, oni skribu al: Foire de Lyon, Esperanto Fako, Rue Ménestrier, Lyon, Francujo."

Nove kreita en Varsovio granda turisma kooperativo "Detur" oferas specialajn servojn al esperantistoj. Bonegaj gvidistoj parolantaj esperante atendas alvenantojn. Por ĉiu petanto oni senpage prilaboras planon kaj kostkalkulon de iu ajn pridemandata ekskurso en Pollando. Skribu al "Detur", Warszawa, Sienna 4, Pollando, postulu prospektojn kaj informojn en esperanto, provu al "Detur" utilecon de nia lingvo.

# Brazila kroniko

ACRE — *Vila Feijó* — Aliĝis al B. L. E. d-ro Claudio do Rego Monteiro, komunuma juĝisto.

AMAZONAS — *Manaus* — S-ro Sebastião Augusto publikigis diversajn artikolojn pri Esperanto en la ĵurnalo "União Portugueza". Dum la monato Marto li faris paroladon pri la internacia lingvo ĉe la sidejo de la "Laborista Unuiĝo".

"Tribuna Popular" aperigis alvokon al la junuloj loĝantaj en Ŝtato Amazonas, por ke ili lernu Esperanton kaj "O Imparcial" artikolon titolitan "Esperanto kaj Turismo".

Dank' al la bonvolo de s-ro Felismino F. Soares, direktoro de la lernejo subtenata de la "Laborista Unuiĝo", kaj de ties estraro s-ro Sebastião Augusto malfermis kurson de Esperanto.

PARÁ — *Belem* — "Folha do Norte" aperigis sciigon pri la oficialaj poŝtkartoj.

*Alemquer* — La gazeto "O Municipio", oficiala organo de la magistrato, publikigis cirkuleron por Esperanto kaj promesis aperigi kurson de tiu helplingvo.

MARANHÃO — *Flores* — "Gazeta de Flores" publikigas kurson de Esperanto.

*Icatú* — S-ro Manoel Mendes de Queiroz, malnova esperantisto, kiu en 1920 kunfondis en *Fortaleza* du esperantistajn klubojn, skribis al d-ro Carlos Domingues leteron bone redaktitan en Esperanto, per kiu li petis informojn pri la lastjaraj progresoj de nia kara lingvo kaj pri la lastaperintaj libroj. Kvankam li nun loĝas en malgranda urbo ni esperas ke li daŭrigos propagandi Esperanton.

PIAUI — *Teresina* — "Gazeta" publikigas kurson de Esperanto.

RIO GRANDE NORTE — Dank' al s-ro João Pereira de Siqueira kelkaj sciigoj pri Esperanto aperis en la lokaj ĵurnaloj.

PERNAMBUCO — *Rio Branco* — La gazeto "O Amigo do Matuto" aperigas kurson de Esperanto.

*Chã Grande* — Aliĝis al B. L. E. s-ro pastro Pedro Adrião, tiea paroĥestro. Skribante al B. L. E. li diris ke por la personoj sciantaj diversajn vivantajn lingvojn kaj ankaŭ la latinan kaj la grekan "Esperanto estas mirakle kaj skandale facila".

SERGIPE — *Aracajú* — En "Luzeiro" aperas kurso de Esperanto.

BAÍA — La jenaj ĵurnaloj publikigas kurson de Esperanto: "O Estado da Bahia" (ilustrita suplemento), el *S. Salvador;* "Correio de Alagoinhas", el *Alagoinhas;* "A Razão", el *Castro Alves;* "O Combate", el *Conquista;* "Sudoeste", el *Jequié;* "O Municipio", el *Conquista,* kaj "O Comércio", el *Valença.*

Artikoloj pri Esperanto aperis en la jenaj ĵurnaloj: "O Municipio", el *Santo Amaro,* "Lux", el *Caiteté* kaj "Folha da Feira", el *Feira de Sant'Ana.*

La porpaca revuo "Elo Fraternal", kies direktoro estas s-ro Jaddo Couto Maciel, fervora ano de B. L. E., publikigas kurson de Esperanto, faritan de Ludoviko Rozkolora kaj ankaŭ tradukojn en Esperanto faritajn de s-ro Carlos Velloso. Ĝi ankaŭ aperigis belajn kliŝojn pri la Specimena Foiro.

*Conquista* — Aliĝis al B. L. E. s-ro Edmundo da Silveira Flores.

*Jaguaquara* — Nia malnova samideano d-ro Arsenio Moreira da Silva vojaĝis al Buenos Aires, kie li ĉeestis la Eŭkaristian Kongreson. Dum sia reveno li vizitis la sidejon de B. L. E. kaj partoprenis la monatan tagmanĝon de la anoj de Brazila Klubo "Esperanto".

ESPIRITO SANTO — *S. Mateus* — La gazeto "O Norte" publikigas kurson de Esperanto.

ŜTATO RIO DE JANEIRO — Jam finis la publikigon de kurso de Esperanto la ĵurnaloj: "Brasil Novo", el *Itaperuna* kaj "A' Semana", el *Madalena.* Baldaŭ finiĝos la kurso nun aperanta en "O Pharol", el *Niteroi,* ĉefurbo de la ŝtato.

—Loĝas en la ĉefurbo de tiu ŝtato s-ro Mario Braga, ĉefredaktoro de "Revista Espirita do Brasil" kaj la plej eminenta brazila verkisto pri metapsikismo.

Varbita de s-ro Ismael Braga, li baldaŭ fariĝis fervora esperantisto. Aŭdinte ke Esperanto estas io senviva, simila al kodo, li konstatis tute kontraŭe ke ĝi estas vivplena. Nun li ne povas kompreni ke homo inteligenta kaj progresema povas esti indiferenta pri tiu genia kreitaĵo. Li jam faris diversajn tradukojn portugalen kaj Esperanten kaj aliĝis al B. L. E.

S. PAULO — Ni eksciis ke 12 ĵurnaloj publikigas kurson de Esperanto. Ni jam ricevis diversajn numerojn de la jenaj: "A Cidade", el *Monte Aprazível;* "A Voz do Povo", el *Ourinhos;* "A Epocha", el *Palmeiras;* "O Momento", el *Pirassununga;* "Mensageiro do Or-

phão", el *S. Manoel; "O Municipio"*, el *Tanabi*, kaj "A União", el *S. Adelia*. Ni ricevis apenaŭ tri numerojn de "Resenha", el *S. José do Rio Pardo; "O Progresso"*, el *Tatuí*; du numerojn de "Gazeta de Sebastianópolis; kaj unu numeron de "Diario do Povo";. el *Campinas*; "O Progresso", el *Vila Raffard*; kaj "Araraquara Ilustrada" el *Araraquara*.

*S. Paulo* — Estis kun granda ĝojo ke ni eksciis pri la reveno al nia rondo de s-ro Alcindo Brito, malnova esperantisto, kiu iam multe laboris por nia afero. Oni ŝuldas lian vekiĝon al s-ro Ismael Braga.

Dank' al klopodoj de s-ro Brito, malfermiĝis kursoj de Esperanto en la sidejo de "Sindicato dos Contadores do Estado de S. Paulo" sub la gvido de s-roj Jozefo Joels, M. Garcia Rodriguez kaj Valentim Rodriguez. Tie faris paroladon pri Esperanto la fervora esperantisto s-ro Jozefo Joels.

La bulteno de la sindikato sciigis sian legantaron pri la kurso kaj la parolado kaj ankaŭ pri danka letero recevita de B. L. E.

— Aliĝis al B· L· E· la "Populara Esperanto-Grupo", kiu festis la datrevenon de sia fondo kaj la daton de la naskiĝo de Zamenhof. Belan paroladon pri la progresoj de Esperanto faris s-ro Alcindo Brito ĉe la sidejo de "Pioneiros Paulistas", kies direktoro, s-ro Clemente Quaglia, entuziasmiĝis pri la internacia lingvo. Lia patro, kiu antaŭlonge lernis Esperanton, donis praktikan lecionon.

Eksciinte la estraro de B. L. E. ke tiuj pioniroj intencas faris ekskurson al eksterlando, skribis al s-ro Clemente Quaglia oferante siajn servojn. Pri tio parolis la revuo "O Pioneiro", organo de tiu organizaĵo.

S-ro A. Brito, kiu realiĝis al B. L. E., sciigis nin ke s-ro Menotti Del Picchia, konata verkisto kaj ĵurnalisto, promesis sian helpon al la propagando de Esperanto, kies lernadon li baldaŭ komencos. Kiel prezidanto de "Radio Clube de S. Paulo", li metis je la dispono de s-ro Brito kelkajn minutojn de ĝia programo.

— S-ro Majumi Kindo, fervora japana esperantisto, estas la reprezentanto en la ŝtato de la Universala Homama Asocio, kies sidejo estas en Japanujo kaj havas 15 filiojn en Brazilo. Esperanto estas oficiala lingvo de tiu asocio. Li sciigis nin, ke baldaŭ fondiĝos en S· Paŭlo filio de la grava Japana Esperanto-Instituto.

— Direktata de s-ro Castorino Gomes de Carvalho funkcias "Agência Esperanto" (Caixa postal 2340)·

"O Estado de S· Paulo" kaj "A Platéa" publikigis notojn pri Esperanto·

*Santos* — La 20an de Februaro okazis ĝenerala kunveno de la laborema "Centro Esperantista de Santos", dum kiu estas elektita la jena estraro: Prez., d-ro Nelson Rangel, konata juĝisto; unua sek., s-ro Gil Rodrigues Junior; dua sek., s-ro J. M. Araujo Costa; kas, s-ro Pedro A. Angeroni; bibl., prof. Lauro Jorge de Oliveira kaj Esperantaĵisto, prof. Luiz Gomes Cruz.

La Centro jam havas la apogon de kelkaj lernejaj direktoroj kaj de la inspektoro de la privata instruado, kiu aliĝis al ĝi.

Dank' al la klopodoj de prof. Lauro J. de Oliveira la direktoro de "Colégio do Carmo", direktata de karmelanaj pastroj, enkondukis la lernadon de Esperanto en la 3an kaj 4an klasojn. Ĝin instruas Frato Rafael Wilens. En la dua klaso de la sama lernejo prof. Luiz Gomes Cruz instruas la elementojn de Esperanto. Alia kurso funkcias en Ginásio Luso-Brasileiro", sub la gvido de d-ro Gervasio Benavides.

La 25an de Julio okazis en la vasta halo de "Centro Republicano Português" granda vesperfesto organizita de la loka esperantistaro kun la valora partopreno de geamatoroj de "Grêmio Dramático Almeida Garrett". Oni ludis unuaktan dramon kaj duaktan komedion. Dum la interaktoj oni parolis en kaj pri Esperanto.

B· L. E· ricevis diversajn presaĵojn, kiuj atestas la bone organizitan propagandon de la Centro.

S-ro Jozefo Joels, ĉeffondinto de la Centro kaj vera animo de la esperanta movado en *Santos*, jam komencis la publikigon de granda kurso de Esperanto. Ni jam ricevis la unuan kajeron, kiu tre plaĉis al ni.

La 21an de Novembro okazis ĝenerala kunveno de la Centro kaj estas elektita nova estraro, kiu konsistas el la jenaj personoj: Prez., s-ro Lauro J. Oliveira; vicprez., s-ro Luiz Gomes Cruz; unua sek., s-ro Francisco Correia de Melo; dua sek., s-ro Rodolfo Schmidt; unua kas., s-ro Pedro Angeroni; dua kas., s-ro Ferdinando Morais; voĉdonantoj, s-roj Tulio Di Renzo, Pascoal Heumann kaj Victal Schmidt.

La nuna sidejo de la Centro estas sur la strato D. Pedro II, 33, kie funkcias tri kursoj de Esperanto.

*Monte Aprazivel* — Tuj kiam la loka ĵurnalo "A Cidade" aperigis la unuan lecionon pri Esperanto, ĝia direktoro kaj ĉefredaktoro, s-ro Constantino de Carvalho, komencis lerni tiun lingvon kaj poste fariĝis fervora esperantisto. Kuraĝigite de s-ro Ismael Braga, kiu sendis al li diversajn librojn kaj donis al li klarigojn kaj konsilojn, s-ro Constantino malfermis la 6an de Junio, ĉe la loka gimnazio, kurson de Esperanto, kies unuan lecionon ĉeestis la tiea klerularo.

Ni esperas ke s-ro Constantino de Carvalho, kiu jam aliĝis al B. L. E., baldaŭ sciigos nin pri la fondo de loka esperantista grupo.

"Momento", el *Pirassununga*, malfermis konkurson inter siaj legantoj kaj promesis donaci premion al la tri unuaj, kiuj sendis al la redakcio leteron skribitan en korekta Esperanto.

"O Clarim", el *Matão*, aperigas anoncon pri la Metodo de Benson.

S. CATARINA — *Florianópolis* — "O Estado" publikigis sciigon pri la baldaŭa aperonta Vortaro Portugala-Esperanto.

RIO GRANDE DO SUL — Promesis publikigi kurson de Esperanto la jenaj ĵurnaloj: "O Minuano", el *S. Angelo de Missões;* "O Popular", el *Santiago do Boqueirão;* "A Alvorada", el *Pelotas;* kaj "O Taquaryense", el *Taquarí.* Ni jam ricevis ekzempleron de la du unuaj ĵurnaloj, kiuj jam publikigis la unuan lecionon.

*Porto Alegre* — Ni ne ricevis informojn pri la laboroj de "Sud-Brazila Esperantistigilo" dum la pasinta jaro. Ĝia prezidanto, s-ro Benjamin Camozato, partoprenis la Unuan Brazilan Filatelian Kongreson, kiu aprobis unuanime de li prezentitan deziresprimon favoran al Esperanto.

*Pelotas* — "Diario Popular" publikigis telegramon pri la 25a Universala Kongreso de Esperanto kaj "A Opinião Publica" sciigon pri la oficialaj poŝtkartoj. Aliĝis al B. L. E. f-ino Zina de Morais.

*Bagé* — La ĵurnalo "Reação" aperigis anoncon pri B. L. E. kaj artikolon pri la poŝtkartoj kun teksto en Esperanto.

*D. Pedrito* — Anonco pri B. L. E. aperis en la gazeto "A Tarde".

*Livramento* — Jen estas la nuna estraro de "Livramento Esperanto-Grupo": Prez., s-ro Carlos Burg; vicprez., s-ro Bertoldo Maia; unua sek., s-ro Mario Prestinari; dua sek., s-ro Cassiano Gusmão; kas., s-ro Dario Farias; voĉdonantoj, s-roj Mois Hodara, Sysifo Rodrigues kaj s-ino Chiquinha Gusmão.

La grupo kunvenas ĉiulunde je la 21a horo. Dum la pasinta jaro funkciis kursoj sub la direkto de s-ro Mario Prestinari, al kiu la grupo multe ŝuldas pro lia kompetenteco kaj sindonemo. La 31an de Julio la geanoj kunmanĝis ĉe la konata restoracio "El Milagro". Dum la manĝo paroladis en Esperanto s-roj Mario Prestinari, Cassiano Gusmão kaj Lysippo Rodriguez. Post la manĝo parolis en portugala lingvo s-ro Carlos Burg, kiu faris alvokon al ĉiuj ĉeestantoj, por ke ili fervore laboru por Esperanto.

MINAS GERAIS — 19 ĵurnaloj el tiu ĉi ŝtato promesis publikigi la kurson verkitan de s-ro Ismael Braga. Jam finis la kurson aŭ estas faranta ĝin la jenaj: "O Labaro", el *Andrelândia;* "O Carangola", el *Carangola;* "Gazeta de Minas", el *Lima Duarte;* "A Cidade", el *Perdões;* "A Luta"; el *Pirapora;* "O Sol", el *Santos Dumont;* "Gazeta de Uberaba", el *Uberaba;* "O Progresso", el *Rio Preto,* kaj "Arauto do Sul", el *Varginha.* Jam publikigis kelkajn lecionojn la jenaj: "A Columna", el *Campo Belo,* kies direktoro estas d-ro João Barbosa, direktoro de "Grupo Escolar Conego Ulisses", "A Voz da Mata", el *Manhuassú;* "Correio de Mathias", el *Matias Barbosa;* "S. Gotardo", el *S. Gotardo.* Nur malmultajn numerojn ni ricevis de la jenaj ĵurnaloj: "O Eco", el *Bambuí;* "Correio de Coimbra", el *Coimbra;* "Correio de Minas", el *Juiz de Fóra;* "O Correio", el *S. João del Rei;* "Correio da Semana", el *Conselheiro Lafaiete,* kaj "O Rebate", el *Cataguazes.*

Publikigis artikolojn pri Esperanto la jenaj gazetoj: "O Progresso", el *Rio Preto;* "Lavoura e Commercio", el *Varginha;* "A Luta", el *Pirapora* kaj "Centro de Minas", el *Cataguazes.*

UBERABA — Ĉe la kolegio "Souza Novaes", kies direktoro estas s-ro Alceu Novaes, malfermiĝis kurso de Esperanto.

*Uberlândia* — Funkcias filio de "Japana Esperanto-Instituto", sub la direkto de f-ino Fusako Ishito, filino de la japana esperantisto s-ro Pedro Ishito.

GOIAZ — *Goiaz* — La gazetoj "Correio Oficial", "Voz do Povo" kaj "Social" publikigis sciigojn pri la poŝtkartoj kun teksto en Esperanto. La unua aperigis ankaŭ kelkajn informojn pri la progresoj de tiu helplingvo.

*Jataí* — S-ro Nestorio de Paula Ribeiro, direktoro de Lerneja Grupo "João Pessoa"

kaj de Kolegio "Paula Ribeiro", malfermis kurson de Esperanto kaj fondis grupon, kiu ricevis la nomon "Klubo Esperanto Paŭla Ribeiro".

La ĵurnalo "O Liberal" publikigis la 16 regulojn de la gramatiko de Esperanto kaj ties afiksojn.

MATO-GROSSO — *Cuiabá* — Aliĝis al B. L. E. s-ro Manoel Miraglia (str. 13 Junho, 104). "O Semeador" promesis publikigi kurson de Esperanto. "Constitucional" aperigis noton pri la poŝtkartoj kun teksto en Esperanto.

*Curumbá* — Fariĝis ano de B. L. E. s-ro Edmundo Rosin Machado.

*Três-Lagôas* — "Gazeta do Comércio" publikigas kurson de Esperanto.

RIO DE JANEIRO — Dum la jaro funkciis du kursoj de Esperanto ĉe la Asocio de Komercoficistoj kaj unu ĉe la Lernejo "Rodrigues Alves", permesita de la Direktoro de la Publika Instruado, ĉiuj direktitaj de s-ro A. Couto Fernandes.

— Sub la aŭspicioj de B. L. E. okazis la 5an de Aŭgusto ĉe la vasta salono de "Nacia Instituto de Muziko" koncerto organizita de nia malnova kaj fervora samideano s-ro Quirino de Oliveira, kun helpo de konataj artistoj, inter kiuj la ŝatata tenoro Oscar Gonçalves F-ino Marina Medeiros kantis la faman poezion de Gonçalves Dias tradukitan de s-ro F. V. Lorenz, laŭ muziko de Quirino de Oliveira, kaj f-ino Odette Maia la novan muzikon de Q. de Oliveira speciale kompostitan por la poezio en Esperanto, de d-ro Luiz Porto Carreiro Neto, *Infana Imagpovo*.

Ĉiuj partoprenintaj estas varme aplaŭditaj kaj la prezidanto de B. L. E. transdonis al tiuj fraŭlinoj korajn gratulojn kaj dankojn de la Ligo.

— En la halo de Palace Hotel nia kara samideano s-ro Levino Fanzeres, laŭr kronita pentristo faris belan ekspozicion de siaj pentraĵoj, kiu estis multe vizitata. En ĝia katalogo li faris propagandon de nia Ligo kaj de la oficialaj poŝtkartoj kun tekstoj en Esperanto.

— B. L. E. ricevis el eksterlando kelkajn petojn pri la libro "O Rio Maravilhoso", eldonita de s-ro Amandio Soares, kun teksto ankaŭ en Esperanto.

— La geanoj de Brazila Klubo "Esperanto" decidis kunveni ĉiumonate en amika tagmanĝo, kiel ili faris antaŭ kelkaj jaroj.

La unuan tagmanĝon, okazintan la 6an de Novembro, partoprenis ankaŭ d-ro Arsenio Moreira da Silva, malnova esperantisto loĝanta en *Jaguaquara*, Ŝtato de Baía, kaj la klera profesoro pastro Agostino Stellacci, kapelano de la belega vaporŝipo "Netunia" kaj fervora ano de "Esperanto-Centro Itala", kiu profitis la okazon por fari propagandon pri la 27a Universala Kongreso de Esperanto.

Je la 5a de Decembro okazis la dua tagmanĝo ĉe la sama restoracio "Bar das Flores".

Ĝenerale la gazetaro en Rio de Janeiro estas simpatia al Esperanto kaj publikigas notojn pri la progresoj de tiu ĉi helplingvo.

Devas esti unue citata "Jornal do Commercio", la plej grava ĵurnalo en Brazilo, kiu ĉiam aperigas sur tre bona loko ĉiujn notojn senditajn de B. L. E.

Jen estas la ĉefaj publikigitaĵoj aperintaj en aliaj ĵurnaloj kaj revuoj:

"O Globo" — artikolo pri la oficialaj poŝtkartoj kun teksto en Esperanto kaj fotografaĵo de unu el ili.

"O Malho" — dupaĝa artikolo kun portreto de Zamenhof kaj fotografaĵoj de poŝtkartoj kaj aliaj propagandiloj.

"Jornal do Brasil" — du bonegaj artikoloj por Esperanto verkitaj de la konata verkisto s-ro Domingues Barbosa, eksdeputito kaj lerneja inspektoro, kies ĉiutagaj artikoloj estas tre ŝatataj de ĝia vasta legantaro.

"Mundo Espirita" — ĝisfina kurso de Esperanto kaj multe da ekzercoj.

"Antenna" — diversaj notoj pri Esperanto kaj portreto de s-ro A. Couto Fernandes.

"Correio da Manhã" — kaj "Jornal do Brasil" artikolo pri la "Tago de Bonvolo" kaj telegramo pri la 26a Universala Kongreso.

"Aurora" — artikoloj pri U. E. A., 26a Universala Kongreso kaj aliaj.

"Revista Espirita do Brasil" — resumoj de artikoloj aperintaj en *Oomoto Internacia* kaj aliaj esp. revuoj kaj tradukoj faritaj de s-ro Mario Braga.

"Vanguarda" — artikolo pri Espiritismo kaj Esperanto.

"Automovel Club" — propaganda artikolo en Esperanto titolita "Rio de Janeiro, la plej bela urbo en la mondo".

"Careta" — anekdotoj tradukitaj el Esperanto.

"O Farmaceutico Brasileiro" — tradukoj el "Internacia Medicina Revuo" faritaj de s-ro A. Caetano Coutinho.

"Correio da Manhã" kaj "A Patria" — in-

teresa artikolo de s-ro Cicero dos Santos pri "Esperanto kaj la Ligo de Nacioj".

En "A Nação", "O Jornal" kaj aliaj aperis notoj pri Esperanto.

"A Revista da Sociedade de Geografia" daŭras publikigi en Esperanto la resumojn de ĉiuj siaj artikoloj. Pro tio li ricevadas gratulajn leterojn el ĉiuj partoj de la mondo.

# PELO ESTRANGEIRO

### O ESPERANTO E O APOIO OFICIAL

O príncipe Carlos, da Suécia, aceitou ser um dos membros da comissão de honra do 26.° Congresso Universal de Esperanto realisado de 4 a 11 de agosto dêste ano em Estocolmo. O referido príncipe é internacionalmente conhecido por ser presidente da Cruz Vermelha. O seu filho, de mesmo nome, aprendeu o Esperanto ha alguns anos, tendo sido oficialmente recebido pelos Esperantistas japoneses em 1933, ao fazer uma viagem ao Extremo Oriente.

O duque Visconti di Modrone foi ha pouco o alto patrono do 19.° Congresso Nacional de Esperanto, na Itália, tendo, segundo as notícias, aceito o convite com as mais ardentes expressões de simpatia pela causa Esperantista.

A 10 de abril inaugurou-se oficialmente um curso facultativo de Esperanto para os alunos da Escola Superior de Aeronáutica (futuros aviadores civís e militares), com a permissão do ministro da Aeronáutica da França. Essa inauguração foi presidida pelo general Gerard, director da escola. Entre os discursos pronunciados ouviu-se a palavra do general Delcambre, diretor da Repartição Nacional de Meteorologia e que participou do Congresso Universal de Esperanto realizado em Genebra no anno de 1925.

O doutor Madar Huszar, prefeito da capital húngara, Budapest, fez recentemente a seguinte declaração sôbre o Esperanto: "Nos tempos atuais, de intensa evolução da consciência nacional, nenhum idioma pátrio póde tornar-se língua mundial. Durante a evolução historica, cada língua adquiriu qualidades tais que resultaram dificuldades invencíveis para o estrangeiro que a usa. Por isso a língua auxiliar é necessária e de um grande valor".

A administração dos Correios da União Soviética editou tres vezes selos postais com legendas em Esperanto. A primeira serie trouxe o retrato de Popov, inventor do rádio, a segunda, por ocasião do 6.° Congresso proletário esperantista realizado em 1926, e a terceira, com o retrato de Zamenhof, quando se celebrou o 40.° anniversário do Esperanto em 1927.

### O ESPERANTO NAS FEIRAS

A Superintendência da Feira Internacional de Amostras de Milão, a maior feira da Itália, reservou um "stand" ao Esperanto, durante o seu funcionamento de 12 a 24 de abril do corrente ano. Nessa secção ficaram permanentemente Esperantistas para informações sôbre o idioma auxiliar, expondo grande material de propaganda que atraiu particular atenção dos visitantes do certame.

A Feira Internacional de Budapest aderiu mais uma vez á "Universala Esperanto Asocio" e mandou imprimir prospectos, cartazes, pequenos calendários, selos, etc. em Esperanto. Durante a feira (de 4 a 14 de maio) terá lugar a assembléia geral da Sociedade Húngara de Esperanto, á qual comparecerão estrangeiros já inscritos. Ao mesmo tempo se fará uma vesperal literária. A feira tomará os serviços, oficialmente, de escoteiros instruidos em acompanhar forasteiros de visita ao país, contando-se entre êsses jovens alguns Esperantistas.

Após o sucesso da Feira Internacional de Amostras de Milão, á qual nos referimos acima, o Centro Esperantista Italiano entendeu-se com as autoridades no sentido de ser destinado um "stand" Esperantista na Feira de Pádua, de 9 a 24 de junho dêste ano. Atendido prontamente, o Centro muito auxiliou a direção da feira nas informações sôbre o desenvolvimento econômico do país e fazendo, então, grande propaganda do idioma internacional nos meios comerciais.

### O ESPERANTO E O TURISMO

Graças aos esforços do diretor da Secção de Negócios Estrangeiros da "Universala Esperanto-Asocio", sr. Robert Kreuz, comissário especial do govêrno de Lichtenstein, a União de Turismo dêsse principado editou como terceira publicação, sob os auspícios de UEA um prospecto illustrado de 10 páginas a respeito do mesmo país. Essa publicação é o prototipo da reclame turística do futuro. O texto está redigido em francês, inglês e italiano para ser entendido nos territórios que mais de perto interessam o editor. Para os outros paises foi acrescentado um texto em Esperanto. O prospecto dá em rápidas frases as principais indicações sôbre o principado. Acompanham as belas fotografias, em número de vinte, explicações nos vários idiomas. O prospecto pode ser recebido mediante simples cartão endereçado a: "Liechtensteinischer Verkehrsverein, Vaduz — Liechtenstein".

Em maio do corrente ano reuniu-se em Bern o Congresso de Tráfego da Suiça, no qual o sr. H. Perret, conselheiro de Estado, recomendou no seu discurso em público, entre outras cousas, o emprêgo do Esperanto nos serviços de informações e para a propaganda do turismo. Os diretores do congresso fizeram uma grande exposição Esperantista em duas grandes vitrinas do muzeu de artes e ofícios da cidade, onde se via igualmente uma interessante exposição de cartazes da Suiça. Essa exposição Esperantista foi de tal modo admirada, que a diretoria do museu pediu ao Instituto Suiço de Esperanto que a deixasse ainda por mais oito dias, ao lado da exposição de cartazes, afim de que os alunos das escolas a pudessem devidamente apreciar. Esse mesmo Instituto distribuiu a todos os conselheiros do país uma sobrecarta com materiais de propaganda redigidos em francês e alemão para que êles ficassem conhecendo o que é o Esperanto e defendê-lo quando fosse solicitada ao Conselho a introdução dêsse idioma nas escolas e na prática em geral.

O "Internacia Hejmo Esperantista" (Lar Esperantista Internacional), instalado em Aspremont, França, teve como hóspedes no ano transato de 1933, 55 hóspedes de 13 paises, dos quais 31 Esperantistas.

### O ESPERANTO NO RÁDIO

A estação de rádio de Brno, Checo-Slováquia,

após uma série de conferências pronunciadas em Esperanto e principalmente depois das pequenas horas de propaganda do idioma internacional, grande número de correspondências, nas quais se fazem elogios aos programas, se exprimem sugestões etc. a êsse mesmo respeito. Até o fim do ano passado a estação tinha recebido mais de 2200 cartas e cartões, vindos de todos os paises europeus, da Argélia, do Egito, da Mandchúria etc.

Por solicitação de 2000 ouvintes de rádio filandeses, as estações radiotelefônicas de Helsinki, Lakti, Culu, Viipuri, Tampere, Tinki e Peri estão irradiando desde 24 de Janeiro último um curso de Esperanto em 20 lições.

No dia 11 de Abril último o sr. Fritz Stockinger, Ministro do Comércio da Austria, falou em alemão e Esperanto pelo radio — Viena sôbre a Conferência de Viena para a introdução do Esperanto nas escolas e na prática, há pouco realizada. E' a primeira vez que um ministro de Estado fala em Esperanto pelo rádio.

Por motivo do ano novo o diretor e o pessoal da estação rádio difusora de Lyon-la-Doua enviaram felicitações impressas em francês e em Esperanto.

---

O DR. SOUZA DANTAS E O ESPERANTO

O dr. L. de Souza Dantas, embaixador do Brasil em Paris, entrevistado pelo redator do jornal "Nia Gazeto", que se publica em Nice, declarou o seguinte: "Deseja o senhor a minha opinião sôbre o Esperanto? Sabe certamente que sou fervoroso pacifista e como tal conheço bem o valor e a necessidade de um meio de compreensão linguístico para as relações entre os povos. Aproximar os corações de homens poderá mais facilmente uma lingua internacional e por isso o Esperanto está destinado a prestar grandes serviços á humanidade".

---

O ESPERANTO NUM JORNAL INTERNACIONAL

O jornal semanal "European Herald", que se edita em Londres, mantém em todos os seus números secções redigidas em vários idiomas nacionais, assim: o inglês, francês, alemão, italiano e espanhol.

Ha poucos meses esse grande jornal resolveu, para maior difusão das suas notícias e para sua própria maior propaganda, criar uma secção redigida no idioma internacional Esperanto, a qual teve início com o número de 28 de setembro próximo passado. A nova secção está a cargo do sr. Fred Wadham, membro da Comissão Linguística do Esperanto e delegado-chefe da "Universala Esperanto-Asocio" na Grã-Bretanha. A redação prometeu ao redator da coluna Esperantista aumentar essa parte verdadeiramente internacional no caso de despertar ela interêsse real, o que não duvidamos que ocorra, pela existência de milhares de adeptos da causa de Zamenhof, sempre dispostos a apoiar todas as manifestações de propaganda da língua auxiliar.

O "European Herald" encontra-se em todas as agências e bancas de jornais; caso não seja encontrado, poderá ser adquirido na própria redação: 110 Fleet Street, Londres E. C. 4, mediante a remessa dum cupão de resposta do correio.

## ESPERANTA GAZETARO

TURISMI TEATAJA. Oficiala monata organo de ""Estona Turisma Unuiĝo". Redakcio: *Riiütli* 2. *Tallinn. Estonujo.* Jarabono: Kr. 2.

LA BUDHISMO. Kvaronjara Organo de Budhana Ligo Esperantista. Eldonejo: 8, *Elmwood Drive, Heswall, Cheshire, Anglujo.* Prezo: 3 respondkuponoj.

KANTONA ESPERANTO-GAZETO. Aperas monate. Abonprezo por unu jaro: 30 Ĉina dolaro afrankite ($80 eksterlande). Specimeno senpage. *P. O. Box* 88, *Canton, China.*

L' ESPÉRANTISTE SISTERONNAIS. Organe independent. Diffusion de l' Esperanto. Monata. Redakcio: *Villa Zamenhof — Sisteron* (B. A). C/c Postal, *Marseille,* N.° 168-26. *Francujo.* Jarabono 8,50 fr. frankoj.

LA FILATELISTO ESPERANTISTA. Monata bulteno. Redakcio: 30, *Rue du Chemin Vert. Drancy. Seine. Francujo.* Jarabono: 8,50 francaj frankoj.

PROLETA LITERATURO. Literatura Esperanto-Informilo por Proletaj literaturaj gazetoj kaj Literaturistoj. Oficiala Organo de Internacia Asocio de Revoluciaj Esperanto-Verkistoj (I. A. R. E. V.). Redakcio: H. Bourguignon, *Sain-Maximin* (*Var*) *Francujo.* Aperas ĉiudumonate. Jarabono: 6 svisaj frankoj.

INFANOJ SUR TUTMONDO. Internacia Revuo por Esperantistaj Infanoj. Redakcio: H. Bourguignon, *Saint-Maximin* (*Var*) *Francujo.* Jarabono: 3 fr. frankoj.

FILATELESPERO. Monata Revuo de Esperantistoj Filatelistoj. Jarabono: 15 francaj frankoj rajtigante je 3 anonclinioj. Redakcio: 173, *Avenue de Liége. Valenciennes. Francujo.*

LA JUNA VIVO. Dusemajna organo por la junularo. Redakcio: *West. Graftdijk* (*N. H.*) *Nederlando.* Jarabono: 1. Petu senpagan specimenon.

LIBERO. Organo de Sanko Esperanta Grupo. *Daisankotogakho. Kioto. Japanujo.*

JUGOSLOVENSKA POŠTA TELEGRAF I TELEFON. Oficiala organo de la asocio de P. T. T. oficistoj de Regno Jugoslavujo. Adreso por esperantistoj: Nikola Lisac, Direkcio de p. t. t. *Sarajevo. Jugoslavujo.*

INFORMILO DE ZAMENHOF — INSTITUTO. Hektografita organo de Zamenhof-Instituto (Esperanto-Propaganda Societo). Centra Oficejo: *Sitjas,* 3, *pral. Barcelono.*

ĜIS MIL. Monata Bulteno de la Lyon'a Esperantista Universitata Klubo. Hektografita. Redakcio: Richard Levin, 51. *Avenue Félix Faure. Lyon. Francujo.*

STRATOSFERO. Hektografita bulteno. Eldoninto: Pola Esperanto-Asocio. *Warszawa, Aloja Jerozolinska* 101. *Polujo.*

LA TORĈO DE L' EDUKISTOJ. Organo de Internacia Federacio de Esperantistaj Progresemaj Edukistoj (I. F. E. P. E.). Redakcio: M. Boubon, 83, *Rue de Vaucouleurs, Orléans (Loiret), Francujo.* Jarabono: 6 fr. frankoj (4 respondkuponoj).

LA VERDEMULO. Trimonata organo de la Verdemularo de Sun Jaí Sen Universitato. Redaktata en Esperanto kaj en ĉina lingvo. Redakcio: Sun — Yat — Sen Universitato. *Kantono. Ĉinujo.* Jarabono: 1 sv. franko.

LA TEMPO. Monata gazeto, kiu enhavas preskaŭ nur ilustraĵojn, en lingvoj litova kaj Esperanto, pri la plej gravaj kaj interesaj novaĵoj en la tuta mondo. Redakcio: *Vydūno* al 8, *Kaŭnas, Litovujo.*

AGANTO. Literatura monata gazeto. Redaktoro: H. Niŝikaŭa. Redakcio: 2 *Kudan* 3. Ĉome, Koĵimaĉi — Ku, Tokio, Japanujo. Abonprezo: sv. fr. 2 por unu jaro.

NOVA ESPERANTO. Duonmonata gazeto, celanta Esperanto-propagandon kaj ties instruadon, sen profesoro. Red. & Ad.: *Roseti-Ialomita.* Direktoro: D. Nicorescu. Jarabono: 5,5 sv. frankoj.

DANSK ESPERANTO-BLAD. Monata organo de "Centra Dana Esperantista Ligo". Red. kaj Adm.: Kommunel, cand. phil. P. Frey, *Clausensvej* 26, *Haderslev. Danlando.* Jarabono: 2 Kr.

LA PACO. Organo de "Esperanto-Grupo de Ostani Universitato". *Kioto. Japanujo.*

ESPERANTO. Monata hektografita bulteno. Organo de "Esperanta Asocio de Rosario". Adreso: *Calle Córdoba* 797, 1 *er. piso. Rosario. Argentina.*

PROLETA VOĈO. Oficiala monata organo de Prolet-Esperantista Unio de Iber-amerikaj landoj. Red. kaj Adm.: *Cros,* 4. *Barcelono (Sans).*

---

PENSAMENTO. Divulgação Social e Científica. Propriedade do "Grupo Editor Pensamento". Publicação mensal. Publica artigos de propaganda do Esperanto. Correspondência postal: *Apartado* 19. *Pôrto, Portugal.*

LYON-TOURISTE. Organo du Syndicat d'initiative de Lyon et de ses environs. Le Syndical recevant assez fréquemment des demandes d' Espérantistes de divers pays, publie article en Espéranto. *Place Bellecour — Lyon. Francujo.*

Le PHARE MÉDICAL DE PARIS. Revue mensuel de Clinique et de Thérapeutique pratique publié sous le patronage de M. M. Resumoj de ĉiuj artikoloj en Esperanto.

---

## BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas:

RAPORTO DE LA AEROLOGIA OBSERVATORIO DE TATENO. N.° 8. Jarlibro por 1930. Eldonita de la Antologia Observatorio, *Taten apud Tutiura (Ibaraki-ken), Japanujo.* Ĝi publikigas la rezultatojn de la aerologiaj observadoj kaj meteorologiaj observadoj apudteraeraj faritaj en la nomita Observatorio dum la tuta jaro 1930.

PER KIO NI AMUZU NIN? Societo-kaj dancludoj. De Jakob Rosenberg kaj Ernfrid Malmgren. Numero 4 de la tre valora serio de praktikaj manlibroj eldonata de Sveda Esperanto-Federacio. Per la enhavo de tiu libro oni "lernas dum oni amuziĝas". *Eldona Societo Esperanto, Poŝtfako* 698, *Stockholm* 1. Svedujo. Prezo: 1 sveda krono.

LINGVA KVARONHORO. Lingvaj problemoj traktitaj kaj klarigitaj de P. Nylén. (En sveda lingvo). Eldona Societo Esperanto.

PRI PIEDPILKLUDANTO, de Victor van Nispen. Kun desegnaĵo de St. de Reuder. El la nederlanda lingvo tradukis Frater M. Bartholomeus. Interesa verko tre taŭga por la knaboj. Eldonejo Piet Smits. *Korvelscheweg* 85. *Tilburgo. Nederlando.* Prezo: 1.30. sv. fr.

JARLIBRO DE LA LINGVA KOMITATO KAJ DE ĜIA AKADEMIO. 1934. Eldonita de la Esperantista Akademio. Presejo: *Esperantista Centra Librejo.* 11, *rue de Sèvres. Paris* 6e. *Francujo.* Prezo: 2 fr.

B E S-a ADRESARO de esperantistoj el ĉiuj landoj. 12-a eldono. 1934. Ĝi enhavas pli ol 1000 adresojn el pli ol 40 landoj. Prezo: 1 svisa franko aŭ 5$000. Mendebla ĉe: Brazila Ligo Esperantista.

KANTAS LA HUNGARA SKOLTO. Por memoro de la ĵamboreo 1933. Gödöllô. Kom-

pilis: Esperanto-studrondo de Hungara Skolta Asocio. *Budapest. Hungarujo.*

LIBROJ el la lando de la XXVI-a Universala Kongreso de Esperanto, 1934. Eldona Societo Esperanto. *Poŝta Fako 698, Stockholm, Svedujo.*

LA NOVA EVO. Petro Danov. Biblioteko "Nova Kulturo". Tria Serio. No. 1. Prezo: 1.50 sv. fr. Eldonejo "Nova Kulturo". Atanas Nikolov. *Sevliero. Bulgarujo.*

KONSILOJ. Sugestoj de malnova esperantisto. Andrés Piñó (Pinjó). Prezo: 2 respondkuponoj. Aĉetu ĉe s-ro Andrés Piñó. *Colón, 24. Valencia. Hispanujo.*

BLUA SANGO, de Willy Wood. El la nederlanda lingvo tradukis Willy van Zoest. No. 1 de la "Ideala Esperanto Biblioteko". Prezo: 6 sinsekvaj romanoj (afranke): 7.20 sv. fr. (antaŭpagota). 3 sinsekvaj romanoj (afranke): 3.90 sv. fr. Unu numero (afranke): 1.40 sv. fr. Adreso: *Presejo "Helmond", Helmond. Nederlando.*

DUDEKKVINA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. (Köln, 29 Julio — 5 Aŭgusto 1933). Oficiala Dokumentaro Esperantista. Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado. 11, *Rue du Mont-Blanc. Genève (Svislando).*

GöSTA BERLING. Verkita de la granda sveda poetino kaj verkistino Selma Lagerlöf, nobelpremiitino, kaj lerte tradukita de la konata verkisto Stellan Engholm. La tre persona kaj poeziplena stilo de la aŭtorino donis al la tradukinto sufiĉe malfacilan taskon, sed li bone sciis konservi la vivon kaj la ĉarmon de la verko. Ilustris la verkon per belegaj tutpaĝaj bildoj la famkonata sveda artisto Einar Nerman. Ĝi estas 568 paĝa. Prezo: broŝ. 6 svedaj kronoj, bind. 7.50 sv. kronoj. Eldona Societo-Esperanto s. p. r. *Fako 698, Stockholm 1. Svedujo.*

SLOVENIO. (*Drava Banusejo*). *Reĝolando Jugoslavio.* 12. paĝa prospekto eldonita de la plej grava fremdultrafika societo en Ljubljana. Ricevebla senpage ĉe "Putnik" vojaĝoficejo, *Ljubljana, Tyrŝova c. 1, Jugslavujo.*

SUPRA AŬSTRUJO KAJ ŜIA ĈEFURBO. LINZ A. D. Ilustrita gvidfolio eldonata sub la aŭspicioj de U E A pere da l' urba oficejo kaj la landa unuiĝo por fremdultrafiko.

TIROLO. AŬSTRIO. Ilustrita 12-paĝa gvidfolio eldonita de "Landesverkehrsamt für Tirol", *Innsbruck. Aŭstrujo.*

BANURBO AACHEN, (*Aix-la-Chapelle* — Aken — Aquisgran). Faldfolio eldonita de "Urba Kurac-kaj-Fremdul-Oficejo".

VIZITU ĈEĤOSLOVAKAN RESPUBLIKON. Ilustrita gvidlibro. Petu ĝin al Esperantista Klubo de Praha I., Pernŝtijn 11. aŭ Ligo de Katolikaj esperantistoj en Ĉeĥoslovakujo. Praha IV. 5g.

ESPERANTO-KATALOGO de Germana Esperanto-Librejo. *Deutsche Esperanto-Buchhandlung. Leipzig C 1, Hospitalstr. 2 III.* Aperinta okaze de ĝia 25-jara datreveno.

DANLANDO. Dumtempe la plej malkara Turistlando. 12-jara ilustrita faldfolio. Ĉiuj sciigoj pri Danlando estas haveblaj en vojaĝoficejoj kaj ĉe "Turistforeningen for Danmark". *Vestre Boulevard* 18. *Kopenhago. Danlando.*

LIECHTENSTEIN. Ilustrita gvidfolio redaktita en trinaciaj lingvoj kaj en Esperanto. Eldonita sub la aŭspicioj de la Universala Esperanto-Asocio, *Genève.* Informoj en *Esperanto: Liechtenstein Verkehrsverein, Vaduz.*

BUDAPEST FOIRO. Internaciaj Aŭtokaj Motorkonkursoj. 4-14 Majo 1934. Esperanto uzata en grand-kaj malgrandformata afiŝoj, reklama ŝildo, reklamfolieto, glumarko kaj kalendaro.

KOPRIVNICA. La urbo de la VII-a Jugoslava Esperanto-Kongreso. 20-21 de Majo 1934, sub protektado de la urbestro, s-ro d-ro Branko Ŝvarc. La eldonon de tiu ĉi libreto memore al la kongreso helpis per malavara monsubteno: La urbestraro de la reĝa libera urbo Koprivnica kaj la parlamentano por distrikto Koprivnica d-ro Vlado Malanĉec.

ESENCIA Y PORVENIR DE LA IDEA DE LENGUA INTERNACIONAL. Traducido de las obras "Originala Verkaro" y "Fundamenta Krestomatio". Doctor Pompilio Romero, delegado de U. E. A. *Olanchito, Honduras.* American Esperanto Instituto, 556 State St. Madison, Wis., E. U. A.

CATALOGO da Exposição Levino Fânzeres no Salão de Honra do Palace Hotel. Avenida Rio Branco. *Rio de Janeiro. Brazilo.* Propagando pri la oficialaj poŝtkartoj kun teksto en Esperanto.

LLOYD. VOJAĜOJ. 1934. Belega ilustrita reklamprospekto eldonita de "Norddeutscher Lloyd Bremen".

NORDA LITERATURO. Kolekto de literaturaj verkoj el Norda-Eŭropo. Redaktas T. Indra, ĉefdelegito de U. E. A. por Latvujo. Eldonas K. Strazds, *Jelgava, Latvujo,* p. k.

51. Ĝi estas la plej malkara Esperanta eldonaĵo. Ĉiu 80-paĝa kajero kostas 0,65 sv. franko. El 6 kajeroj fariĝas dika, tre valora libro.

ESPERANTO VÕTI. Ŝlosilo en estona lingvo eldonita sub la aŭspicioj de U. E. A.

MARŜALO JOZEF PIZSUDSKI, de Waclaw Sieroszewski, tradukita de Mgr. fil. B. Strelczyk. Eldonis Pola Esperanto-Asocio. 54 paĝa. Prezo 0,80 sv. fr. Kiu volas plibone konatiĝi kun nuntempa pola ŝtato, kiu volas ekkoni ĝian internacian situon kaj politikan historion, devas nepre tralegi tiun libron. Verkis ĝin fama pola aŭtoro Waclaw Sieroszewski, prezidanto de Pola Literatura Akademio, longjara kamarado de Pilsudski. La libro estas eldonita sur bela papero kun interesa artkovrilo. Adreso: Pola Esperanto-Asocio: *Str. Al. Jerozolimskie*, 101. *Warszawa. Polujo.*

FLORA. Ilustrita faldfolio pri la Tutmonda Florekspozicio en Nederlando okazonta dum la printempaj monatoj (15 Marto-19 Majo) en *Heemstede apud Harlemo. Nederlando.*

RAPORTO DE LA AEROLOGIA OBSERVATORIO DE TATENO. N.º 9. Jarlibro por 1931. Eldonita de la Aerologia Observatorio apud *Tatiura* (*Ibaraki-ken*). *Japanujo.* 1934.

VIC. Multkolore ilustrita faldprospekto. Speciala eldono de "Esperanto-Grupo" de Vic. Ĉiu povas senpage ricevi ekzempleron petante ĝin per simpla letero aŭ poŝtkarto al:' "Syndicat de Turism", *Vic. Hispanujo — Katalunujo* aŭ al la delegito de U. E. A. en Vic, s-ro Jacinto Comella. *Plassa Mayor* 18. *Vich. Hispanujo.*

HAGO KAJ SCHEVENINGEN. Ilustrita faldfolio. Senpage ricevebla de "Haga Unuiĝo por la Fremdultrafiko": *Lange Voorhout* 102 (teretaĝo) *Hago. Nederlando.*

---





---

*F-ino I. M. Fowkes, Wattlegen Victoria. Aŭstralio,* 18 jaraĝa deziras korespondi kun brazilanoj pri ĉiuj temoj.

*S-ro J. M. Bell. C/o D. Reid. Sunbury. Victoria-Aŭstralio,* 22 jaraĝa, deziras korespondi kun brazilanoj.

Respondo certega.

---

A. S. CENTRA ESPERANTO LIBREJO

En la jara ĝenerala kunveno de akciuloj de la Akcia Societo "Centra Esperanto Librejo" en Hago (Nederlando), okazinta la 24 an de Februaro, la bilanco kaj la konto de perdoj kaj profitoj estis aprobataj kaj la dividendo pri 1933 fiksata je 5½% (antaŭan jaron 6½%). Kiel komisaro estis reelektita s-ro J. Ravestein Jr.

Konforme al la statuto la kunveno pripensis la dividon de la plia profito kaj decidis donaci 34.22 guldenojn al la Komitato por la starigo de Dro Zamenhof — monumento en Bergen op Zoom (Nederlando).

Presejo: Fratoj Pongetti. Av. Mem de Sá, 78 — Rio de Janeiro.

